# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

novembro 2004




★ **Esperanto ĉe scienca kunveno en Kroatio**

★ **Ministerio pri kulturo finance helpas ĉinlingvan peresperantan eldonon de *Wakajtapu* de Joža Horvat**

★ **Ĉu *Konfeso* de Milka Pogačić aperis en la ĉina per Esperanto antaŭ 1936?**

★ ***Zamenhof-strato* aperos en la kroata**



# Karaj legantoj!

Novembras. Ni, plezure legante librojn aperintaj dum la ĉina UK malkovris en *Konciza historio de la ĉina Esperanto-Movado* spurojn kiuj indikas, ke multe pli fure ol en 1936 en Ŝanhajo aperis la unua traduko el Esperanto en la ĉinan , aperis peresperanta traduko de *Konfeso* de kroata instruistino Milka Pogačić. Ekscite!

Omaĝe al niaj ĉinaj kolegoj-tradukintoj, ni publikigas la foton kun tri ĉinaj tradukistoj el Esperanto, kiuj renkontiĝis kun la redkatorino de *Tempo* en Pekino lastaŭguste: Wu Hanping - Harpina (ĉinigis *Esperanto ne estas nur lingvo* de S. Štimec, Shi Chengtai, ĉinigis *7000 tagoj en Siberio* de Karlo Štajner, Hu Guozhu, estas ĉiniganta *Wakajtapu* de Joža Horvat. Hu Guozhu tradukas aktuale la verkon de kroata verkisto Joža Horvat *Wakajtapu*, kies eldonon finance subtentas ankaŭ Ministerio pri Kulturo de Respubliko Kroatio.

Tri niaj artikoloj traktas la lingvan problemon en la scienco. Grava internacia scienca konferenco okazinta en Rijeka en oktobro atentis pri Esperanto. Legu pli en la artikoloj de Vjekoslav Morankić kaj Radenko Milošević.

Niaj membroj kolektis por nia estonta ejo en Vodnikova Strato mondonacojn en valoro de 8429,14 eŭroj!

La venonta SAT-kongreso gastos en Zagrebo en julio 2004, invitita de kroataj membroj de SAT. Ni prezentas tradukan laboron de la sekretario de SAT Krešimir Barković.

Progresas la preparoj por apero de *Zamenhof-Strato* de Roman Dobrzyński en la kroata lingvo. Pluraj desegnistoj reagis je nia alvoko ornami la kroatan eldonon de la libro. Ni publikigos ilin venontnumere. Dorsflanke de nia novembra numero ni prezentas pentraĵon de norvega verkisto Johan Hammond Rosbach, omaĝe al li, okaze de la morto en septembro 2004. La pentraĵo estas inspirita per versoj de kroata poetino Zora Heide. La pentraĵo ornamas nian ejon en Kneza Mislava.

Feliĉan Kristnakson, bonan jaron 2005!

La decembra numero de *Tempo* atingos vin en januaro.

S. Štimec



*Esperanta kaj ĉina eldonoj de "Ano de l' ringludo".*

# ĈU *KONFESO* DE MILKA POGAČIĆ ESTIS LA UNUA KROATA VERKO TRADUKITA PER ESPERANTO EN LA ĈINAN?




Kiam Esperanto en Kroatio estis tute juna, en aŭgusto de la jaro 1913 en kroata urbo Kostajnica aperis prozo de Milka Pogačić *Konfeso*. Mavro Špicer, la pioniro de la kroata Esperanto-Movado enkonduke prezentis la aŭtorinon, kiu naskiĝis en la jaro 1860. *Milka Pogačić servas la kulturon kiel instruistino, verkistino, kaj lastatempe kiel lerneja direktorino kaj prezidantino de la unuiĝo de instruistinoj, kiu sur sian standardon surskribis la prizorgon de geinfana bonfarto.*

La verkon esperantigis Antonija Jozičić, kun la permeso de la aŭtorino, kaj eldonis kiel propran eldonon en la presejo C. Albrecht Oni vendis la libron je la prezo de 1,20 kronoj.

La bela kunlaboro de du virinoj en la frua komenco de la 20-a jarcento trovis reeĥon en Ĉinio. En impona libro kiun ĉinaj esperantistoj eldonis en Esperanto kaj la ĉina okaze de la ĉi-jara Universala Kongreso en Pekino *Konciza Historio pri la Esperanto-Movado en Ĉinio* legeblas la informo ke Wang Luyan ĉinigis la jugoslavian romanon *Konfeso* de Milka Pogačić.

Ni scias ke Milka Pogačić estis kroata aŭtorino (Jugoslavio en 1913 ja ne ekzistis).

Antonija Jozičić, pioniro de Esperanto en Kostajnica estis instruistino, kiu partoprenis la 8-an Universalan Kongreson en Krakovo en 1912. Verŝajne la sperto el Pollando stimulis ŝin jaron poste eldoni la libron. La Unua mondmilito verŝajne haltigis ŝian laboron. Ŝia mortodato ne estas al ni konata.

Kiel ŝia libro en Esperanto atingis Ĉinion, ni ne scias, sed iel ĝi venis en la manojn de fama ĉina verkisto Wang Luyan. Ĝuste li ĉinigis la kroatan verkon.

Ĉis nun ni kredis ke la unua traduko per Esperanto inter la kroata kaj Esperanto okazis en 1936 kiam la nekonata tradukisto Xu Fangxi ĉinigis *Anon de l' ringludo* de Dinko Šimunović. Tiu verko aperis ĉe la fama ĉina eldonejo Shangiru-librejo en 1936. La eldonejo estis fondita en 1892 en Ŝanhajo, en 1954 ĝi translokiĝis al Pekino kaj tie ĝi ĝis hodiaŭ funkcias en plena prestiĝo.

Mankas al ni ankoraŭ multaj detaloj pri la ĉinlingva *Konfeso* en traduko de Wang Luyan. Neniu el nuntempaj ĉinaj esperantistoj vidis la verkon. Eble ni iam trovos ĝin en la vasta Ĉinio. Jen la granda defio antaŭ ni, kiun ne eblas superi sen la helpo de niaj ĉinaj kolegoj.

Ni represas la titolpaĝon laŭ la ekzemplero el nia biblioteko.

S. Štimec

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIII, numero 3/2004, ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.tel.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis**: Krešimir Barković, Ivo Borovečki, *Bazaro*, *Esperanto-Revuo*, Kikuŝima Kazuko, Andrej Korobejnikov, Tvrtko Klarić, Vinko Markov, Radenko Milošević, Vjekoslav Morankić, Lilian Neergaard, D-ro Velimir Piškorec, Vanja Radovanović, Julia Sigmond, *La Sago*, Mladenka Šolman, Spomenka Štimec, Tan Xiuzhu. **Redaktoris**: Spomenka Štimec. **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr

**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR). **Abono**: 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)

***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# EŬROPAJ AKADEMIOJ PRI INTERNACIA LINGVO EN SCIENCO

La demando pri la komuna internacia lingvo en scienco kaj pri ĝia rilato al la naciaj lingvoj latente aperas en ĉiuj eŭropaj instancoj por internacia organizado kaj kunordigado. Ĉe la 6-a regula ĉefkunveno de ALLEA (All European Academies - Ĉiuj Eŭropaj Akademijo) okazinta de la 23-a ĝis la 27-a de marto 2004 en Bruselo (la gastigantoj estis du belgiaj Akademioj: la Valona Akademio kaj la Flandra Akademio). Unu el la laborsesioj estis dediĉita al tiu temo. La konferencon partoprenis kvindeko da reprezentantoj el pli ol kvardek eŭropaj akademioj.

El la prezentitaj referaĵoj kaj el la mallonga diskuto oni povas konkludi, ke hodiaŭ preskaŭ ĉiuj samopinias pri tio ke dum kelkaj lastaj jardekoj (jam ek de la mezo de la sesdekaj jaroj) la angla venkis en la internaciaj naturscienco kaj ekzakta scienco, kiel la ĉefa lingvo de komunikado kaj publicado. Pri tio ne ekzistas pli seriozaj obĵetoj, krom ke ofte temas pri sufiĉe reduktita kaj rudimenta formo de la angla, per kio la angla lingvo mem estas endanĝerigita.

Post dudekjara malfruiĝo, pri la internacia lingvo de scienco okazis la samo kiel pri la internacia lingvo en diplomatio post la kapitulaco de Japanio en 1945, kiam en la diplomation subite penetris la angla kaj baldaŭ violente forpuŝis la francan, sed ankaŭ aliajn lingvojn.

Koncerne la lingvon de la internacia komunikado en la sociaj kaj humanismaj sciencoj, kaj kunlige kun tio pri la pozicio de la angla, la opinioj akre kontraŭstaras. Unue, pluraj sociaj kaj humanismaj disciplinoj estas laŭ sia fako naciaj *par excellence*, kaj ankaŭ la verkoj en tiuj disciplinoj estas destinitaj antaŭ ĉio al la nacia publiko kaj al la publiko de la najbaraj popoloj. En tiaj disciplinoj povus neniu internacia lingvo altrudi sin sen granda damaĝo por la scienco mem. La krea rilato koncerne la sciencan esploiradon de la nacia heredaĵo ne povas esti certigita per iu supernacia lingvo, do ankaŭ ne pere de la angla.

En la referaĵoj kaj dum la diskuto estis akcentite, ke la angla ne konvenas egale por ĉiuj sferoj sammezure kiel aliaj lingvoj, ekzemple la germana en la filozofio, la franca en la literatura teorio ktp. Se hodiaŭ la angla havas la ĉefan rolon en la internacia sicenca komunikado, pro la konservado de la komuna spirita heredaĵo de la t.n. okcidenta civilizacio necesus en la internacia komunikado en la sciencoj institigi kaj utiligi la uzadon de almenaŭ tiaj lingvoj kiaj estas la germana, franca, rusa, hispana kaj itala, senkonsidere ke la tradukado jam nun prezentas problemon en grandaj internaciaj organizaĵoj (ekz. en la Eŭropa Unio). Se la nepra tradukado limiĝus interkonsente al kvar "grandaj" (regionaj, kulturaj) lingvoj, tio ne prezentus signifan teknikan kaj financan problemojn.

La elekto de la angla kiel la sola ebleco metas la reprezentantojn de multaj landoj kaj popoloj en neegalrajtan situacion, ĉar nepre dominas nur la plej bonaj konantoj de la angla.

Dum la skandinavanoj, kaj ankaŭ la germanoj povas relative rapide ellerni la anglan, tiom ke ili per ĝi povas tre elaste esprimiĝi (sed malofte kiel irlandanoj, angloj kaj skotoj), la latinidoj devas oferi multe pli grandan penon por tiu lernado, kaj la slavoj eĉ pli multe. Pro tio estas, por la funkcia kaj pli nuancata esprimado en fremda lingvo, al la hispanoj kaj italoj multe pli facile kaj rapide ellerni la francan, kaj al ĉiuj slavoj la rusan. Oni devas konsideriŝ ankaŭ la fakton ke en unuopaj eŭropaj regionoj estis dum jarcentoj utiligitaj internaciaj *koinè* (lingua franca), kiel la itala en la landoj de la sudorienta Mediteraneo, la germana en la meza Eŭropo, kaj la franca ĝis antaŭ nelonge en Rumanio kaj Bulgario ktp., kaj do ekzistas "disvastiĝinta tradicio" de tiuj lingvoj en la koncernaj regionoj. Bedaŭrinde, ankaŭ amaraj historiaj spertoj kaj ankoraŭ ĉiam vivaj rivalecoj prenas sian tributon. Kvankam en tiuj taksadoj oni devas atenti troigajn ĝeneraligojn, la poloj multe pli preferas la anglan ol la rusan kaj la germanan, sed ili ne montras la intereson eĉ pri la franca kiu havis en Pollando fortan tradicion. La baltaj popoloj senrezerve pledas por la akiritaj pozicioj de la angla (pro la evidenta latenta "rusa danĝero"). Al la ĉeĥoj la angla ŝajnas malpli imperiisma ol la najbara germana. La flandroj estas senrezervaj apogantoj de la angla (malgraŭ ke ĉiuj bone konas la francan, ĉar la angla estas pli proksima al ili). La valonanoj energie defendas la poziciojn de la franca (ĉar ili ĝenerale malpli bone konas la flandran kaj anglan), insistante pri la konservado de la franca en la internacia sicenca komunikado.

Kvankam restis tro malmulte da tempo por la diskuto, kaj neniu povis tuŝi la temon ankaŭ el aliaj vidpunktoj, estas tute certe ke estus utile pripensi ankaŭ la uzon de Esperanto en la internacia scienca komunikado, ĉar ĝi havas jam sufiĉe prilaboritan sciencan terminologion kaj grandajn strukturajn kaj kreivajn eblecojn kaj antaŭ ĉiuj aliaj lingvoj ĝi havas ankaŭ psikologian kaj socian avantaĝon ke ĝi donas al la parolantoj de ĉiuj eblaj lingvoj proksimume la saman elirpozicion (ĝi estas lingvo de neniu aparta nacio), kaj ĝi ne estas instrumento de iu ajn ŝtata aŭ nacia politiko, kaj do ankaŭ ne de ies hegemonio. Ĝi estas lingvo ellernebla dum multe pli mallonga tempo ol iu ajn alia lingvo, ĝis tioma grado ke oni povas per ĝi precize esprimiĝi eĉ pri la plej subtilaj temoj.

Dum la konferenco estis uzita plej multe la angla lingvo, sed pluraj homoj uzis ankaŭ la francan, flandran kaj germanan. Estas menciinde ke la konferenco akceptis neniajn konkludojn pri la priparolita temo.

*Ko - Boi*

Međunarodni znanstveni skup

Rijeka - otok Krk, 20.-23. listopada 2004.

LATINITET U EUROPI

s posebnim osvrtom na hrvatski latinitet nekad i danas

Plan skupa i sažetci izlaganja

# ESPERANTO ĈE INTERNACIA SCIENCA KUNVENO "LATINISMO EN EŬROPO"

En Rijeka de la 20a ĝis la 23a de oktobro okazis Internacia scienca kunveno pri la temo "Latinismo en Eŭropo" kun aparta pritrakto de kroata latinismo en pasinteco kaj hodiaŭ (kroate: Međunarodni znanstveni skup "Latinitet u Europi", latine: Doctorum conventus internationalis Latinitas in Europa). La sciencan kunvenon organizis Kroata Kultura Asocio, Filio Rijeka (Matica hrvatska - Ogranak u Rijeci) en kunlaboro de Universitato Rijeka kaj Arkiepiskopejo Rijekaa (Nadbiskupija riječka). La aŭspicianto estis Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj. Estis prezentitaj 28 sciencaj verkoj kaj prezentaĵoj.

Sciencaj studoj pri latinismo en Eŭropo kaj precipe en Kroatio estas ege gravaj. La latina lingvo kaj la latina kaj la kristanaj religio kaj kulturo havis en pasinteco de Kroatio grandan signifon. Oni devas akcenti ke la latina estis oficiala lingvo de la kroata ŝtato ekde la komeco de reĝlando Kroatio kaj de kroata parlamento ekde la 9a jarcento. La latina lingvo ĉesis esti oficiala lingvo de la parlamento en la jaro 1847. Kroataj verkistoj, sciencistoj kaj ĝenerale kroata intelektuaro ekde la frua mezepoko ĝis la mezo de la 19a jarcento vaste uzis la latinan. Per la latina Kroatio per siaj spiritaj, kulturaj kaj sciencaj fortoj estis vera parto de la mezepoka Eŭropo. Laŭ nombro de eldonitaj libroj en la latina lingvo Kroatio estas inter kelkaj unuaj landoj en la mondo.

Indas akcenti, ke dum la scienca kunveno estis prezentita referaĵo de samideano Radenko Milošević, vicprezidanto de Kroata Esperanto-Ligo, pri la temo *Esperanto sur postrestaĵoj (ruinoj) de la latina* (Esperanto na razvalinama latinskoga).

La referaĵon de Radenko Milošević komentis vicprezidanto de Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj akademiano Josip Bratulić, dirinte ke li bedaŭras ke la kunvenon ne ĉeestas kroata akademiano Dalibor Brozović (prezidanto de Kroata Esperanto-Ligo) kaj pro tio li mem diros kelkajn vortojn pri kiuj certe akademiano Brozović konsentus. Akademiano Bratulić diris, ke Esperanto ludas gravan rolon se temas pri egalrajteco de lingvoj kaj diversaj naciaj kulturoj. Li menciis, ke lia profesoro pri klasikaj lingvoj estis esperantisto Teofil Velnić.

La sciencan kunvenon inter pli ol 100 partoprenantoj partoprenis ankaŭ 4 esperantistoj.

Samiedano D-ro Jozo Marević prelegis pri la temo *Novepoka latina toponomio sub influo de naciaj lingvoj* kaj samideanino prof-o Kornelija Pavlić pri la temo *Kroata mezepoka latinismo kaj krotaj latinistoj en instruprogramoj de la latina lingvo en gimnazioj.*

*Vjekoslav Morankić*

✝ 1 5 6 [illegible] DIE·14·MENSIS OCTOBRIS ·MAGISTER·
GASPARVS MVRATOR VNA CVM EIVS VXORE BARBARA HOC
OPVS PEREFCIT MANV·PROPRIA QVI DEO AGVNT GRATIAS

# ESPERANTO SUR RUINOJ DE LATINA LINGVO

## (R e s u m o)

Kroata lingvo por kroatoj, apud la religio, estis ĉiam defendilo de la nacia identeco. Tial senĉese ekzistis intereso pri problemoj de parol-interkompreno kaj speciale pri la lingvo kroata mem. La kroata lingvo, la lingvo de diversaj dialektoj, diversaj pritraktoj de simileco, identeco kaj samspececo de la lingvo kompare kun la opaj slavaj lingvoj, la lingvo disdividita per ŝtataj kaj geografiaj limoj, influis al diversaj lingvaj elpaŝoj, eĉ provoj por solvi lingvoproblemon. Per aparta defendo de la kroata ŝtata kontinueco apud aliaj rimedoj oni batalis ankaŭ per kroata lingvo kontraŭ diversaj aŭstri-hungaraj leĝaj, lingvaj kaj aliaj premoj.

Nekutimeco ĉe la kroatoj rilate lingvon estas, ke unuflanke la lingvo latina estis defendilo kontraŭ fremda premo, kontraŭ la lingvo, lando kaj popolo, kaj aliflanke ekzistis decideco de glagolica* pastraro ke ili solenu la sanktajn mesojn en la propra kroata lingvo. Kroatoj estis unika popolo kiu rajtis celebri meson en la propra nacia lingvo, ĝis la 2-a Vatikana koncilio.

Dum jarcentoj en la plej granda nombro da eŭropaj ŝtatoj la latina estis internacia lingvo de sciencistoj, verkistoj kaj diplomatio. Same tiel estis inter kroatoj por kiuj la latina lingvo estis tiatempa Esperanto, per kiu sciencistoj kaj verkistoj, uzinte ĝin, sciigis klerajn kaj edukitajn eŭropeanojn pri siaj ideoj, verkoj kaj sciencaj atingaĵoj. La latina erao en Kroatio per oficiala kaj parola latina lingvo en la kroata parlamento (Sabor) daŭris ĝis la jaro 1848. La unua kroatlingva parolado en la Parlamento estis tiu de la kroata politikisto, verkisto kaj historiisto Ivan Kukuljević nbl. Sakcinski en la jaro 1843, kio kaŭzis surprizon kaj emocian ŝtormon en la parlamentejo. Li proponis, ke anstataŭ la latina lingvo oni enkonduku la kroatan kiel parlamentan kaj labor-lingvon. Apenaŭ en la jaro 1848 la Parlamento decidis, ke la kroata lingvo "devas havi tian honoron, valoron kaj validecon, kian ĝis nun ĝuis la latina lingvo".

Apud tiu ĉi du aliĝoj al lingva kaj nacia identeco per glagolicismo kaj latinismo, iuj aliaj viroj en Kroatio pli vaste pripensis la problemon de interkompreno kaj parolado. Nome, jam en la jaro 1661 pastro kaj politikisto Juraj Križanić projektis la tutslavan lingvon, kaj la zagrebano Juraj Bauer en 1888 faris projekton de monda lingvo nomita "spelin".

Kaj kie kuŝas interligoj inter la latina kaj Esperanto en Kroatio?

Dum la solena kunsido de Akademio pri sciencoj kaj arto, la 10-an de decembro 1891, apenaŭ kvar jarojn post apero de Esperanto ĉe mondvasta scenejo, akademiano Tomo Maretić per sia verko "Pensoj pri artefarita monda lingvo" klarigis sian sintenon pri artefaritaj lingvoj. Li malkonsentis, ke la latina lingvo povus esti solvo de mondaj lingvaj problemoj, sed li akcentis ke tamen ĝuste la latina povus esti fundamento por monda lingvo. Komparinte diversajn lingvo-projektojn li konstatis, ke inter du la plej similaj kaj proksimaj al la latina lingvo – *neolatin* kaj *Esperanto*, neolatin estas pli perfekta ol la lingvo Esperanto. Tamen li konkludis, ke "ekzistas iuj elementoj kiuj influos al tio, kiu inter la du lingvoj estos tio, kio ĝi devus esti."

Akademiano Maretić bone taksis la provojn por solvi la mondan lingvo-problemon. Esperanto ununura inter tiomaj diversaj projektoj de artefaritaj mondaj lingvoj, restis uzata kiel monda internacia lingvo. Intertempe la latina restis, malgraŭ modernigaj provoj, nur lingvo por klasikaj lingvistoj kaj por studado de malnovaj tekstoj kaj verkoj, sed la lingvo mem iom post iom descendis de sur la monda lingva scenejo. Kialoj por travivado de Esperanto estas certe multaj! Esperanto ekzistadas kaj progresas parolata de multaj homoj diversanciaj kaj diverslingvaj tra la tuta mondo. Esperanto estas modernigita kaj ne fosiliigita, kontraŭe - oni enkondukas modernajn terminojn. Esperanto havas vorttrezoron al kiu apartenas vortoj devenantaj el ĉiuj mondaj lingvoj. Kredeble, Esperanto travivis ankaŭ pro evidenta latindevena bazo por tri plej gravaj grupoj de lingvoj parolataj en Eŭropo – romanaj, ĝermanaj kaj slavaj. La parolata Esperanto havas melodion latinidan kun eŭropecaj komunaj elementoj – sed tio samtempe endanĝerigas la lingvon kiel mondan internacian lingvon!

Esperanto eniris Kroation en la jaro 1889, kaj organizite en 1907, ĝuste ĉi tie en Rijeka. Per tio komenciĝis la rolo de Esperanto kiel sciiganto pri popolo, lando, kaj kulturo de kroatoj. Gravega estis rolo de Esperanto kiel ponto-lingvo, ĉar per Esperanto oni tradukis aron da verkoj de kroataj verkistoj. Ekzemple en la ĉinan, japanan kaj aliajn lingvojn estis tradukitaj "Alkar" de D. Šimunović, "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić" de I. B. Mažuranić, "7000 tagoj en Siberio", de K. Štajner ktp.

Ne havanta intencon malpligrandigi signifon kaj valoron de ĉiuj tradukitaj kroatlingvaj verkoj kaj aŭtoroj por kiuj Esperanto estis ponto-lingvo al ceteraj lingvoj, mencienda estas verko de granda kroata filozofo, natursciencisto, jezuito Josip Ruder Bošković *"Theoria philosophiae naturalis"* el la jaro 1785.

La verko kaj aŭtoro, tiom altege taksata inter iamaj kaj nuntempaj fizikistoj, matematikistoj kaj filozofoj, estis el latinlingva originalo tradukita nur al la angla kaj kroata lingvoj. Sekve kaj konklude, necesegus tian ampleksan kaj nepre studendan majstro-verkon, fundamentan en moderna ekkono de fizikaj leĝoj kaj fenomenoj, traduki el latina kaj la kroata lingvoj en Esperanton. Tial mi proponas, ke la klasikaj latin-lingvistoj kaj latinidistoj-esperantistoj kune donacu al la homaro kaj al fakuloj de nombre kaj kulture grandaj popoloj tiun majstro-verkon. Jen kompara parteto de la teksto en ambaŭ lingvoj, la latina kaj Esperanto, kie simileco videblas:

**SUPPLEMENTA** - De spatio, ac Tempore

| | |
|---|---|
| Argumentum: quae spatii attributa | 1. Ego materiae extensionem prorsus continuam non admitto, sed eam constitutio punctis prorsus sindivisibilibus, inextensis a se invicem disjunctis aliquo intervallo, ... |

**SUPLEMENTO** - Pri spaco kaj tempo

| | |
|---|---|
| Argumentoj: kiuj atributas al spaco | 1. Mi ne akceptas ke etendeco de materio estus tute kontinua, sed ke ĝi konsistas el tute ne divideblaj kaj neetendeblaj punktoj dividigitaj inter si per iu interspaco, ... |

* *glagolico* - kroata nacia skribo, laŭ unua teorio por la unua fojo aperis en Istrio kaj insulo Krk komence de la 9-a jarcento.

**Mag. Radenko Milošević**

# HELPO POR VODNIKOVA 9

## Donacoj – Novembro 2004

| | |
|---|---|
| 71. Olga Srkoč | 67,56 eŭrojn |
| 72. Franjo Šušković | 13,35 eŭrojn |
| 73. Davor Klobučar | 104,13 eŭrojn |
| 74. Nedeljko Korasić | 27,00 eŭrojn |
| 75. Mori Singo | 100,00 eŭrojn |
| 76. Neven Kovačić | 1.202,70 eŭrojn |
| 77. Marina Dimnjaković | 6,63 eŭrojn |
| 78. Studenta Esperanto-Klubo | 580,64 eŭrojn |
| 79. Mirjana Žeželj | 5,13 eŭrojn |
| **Entute:** | **9. 011,91 eŭrojn** |

Koran dankon al ĉiuj kaj aparte la plej grandaj sponsoroj Neven Kovačić, Mira Manner-Matanović, Damir Mikuličić kaj Zlata Nanić.

## Kredito – Novembro 2004

| | |
|---|---|
| 23. Miroslav Jelkovac | 27,00 eŭrojn |
| 24. Dag Treer | 5,20 eŭrojn |
| 24. Kaja Farszky | 10,00 eŭrojn |
| 25. Neven Kovačić | 2.000,00 eŭrojn |
| **Entute:** | **2.449, 13 eŭrojn** |

| | |
|---|---|
| **Sume ricevitaj:** | **11.464,82 eŭrojn** |

*Noto:*
*Olga Srkoč* pagis donace 67,56, ne kredite kiel publikigite en Tempo.
*Fiore Saganić* pagis donace 80,40 ne donace kaj kredite kiel publikigite.



*Sponsoro Neven Kovačić festis kun junaj esperantistoj*

# KIAM MI ESTIS LA PLEJ FELIĈA?



*Andrej Korobejnikov en Kroatio 2003. Fotis: Krizantemo.*

Mi estis. Mi tion certe kaj ĝuste scias. Estis multfoje! Iam en infaneco, iam dum esperantistaj kongresoj, iam post malfacilaj ekzamenoj, iam vivinte en la belega naturo.

Sed se vi min demandus klare: Kiam la plej?

Mi serĉos kaj trovos en mia memoro unu momenton, kiun mi neniam forgesos, ĉar sperto de ĝi estis tiom mirinda por mia animo kaj korpo.

En 2003, la 31-an de majo, mi gastis ĉe la 6-a Kongreso de Kroataj Esperantistoj en Zagrebo. Mi tiam ludis vespere en la belega halo de "Glazbeni zavod" (muzika instituto). Tie estis koncerto dediĉita al la Kongreso. Tio estis oficiale. Neoficiale mi dediĉis ĝin al Esperanto kaj al esperantistoj, kiuj estas ni ĉiuj. Ni kiuj preskaŭ ĉiam estas malfermitaj unu al la aliaj. Ni kiuj volas sperti novajn sentojn. Mi ludis ankaŭ la 4-an Sonaton de Beethoven. La 2-a parto estas tre-tre malrapida kaj koncentrita, se tiel eble diri. Tie estas malmultaj paŭzoj, simple: du akordoj kaj longlonga paŭzo, poste ankoraŭ du akordoj, poste paŭzo. Tiel!! Mi ekludis tian duan parton kaj?

Dum la unua paŭzo mi eksentis sin feliĉega: mi ekaŭdis SPIRON en la halo. De la tuta halo: ĉiuj el preskaŭ 400 personoj kiuj sidis tie spiris, aŭskultante. Estis nur manksono kaj spiro, poste respiro, repaŭzo kaj reakordoj!

Tiam mi estis la plej feliĉa en mia vivo! Dankon al Dio, dankon al Esperanto, kiu donis al mi tiun feliĉon!!!

*Andrej Korobejnikov, pianisto*
*Represita el Esperantlingva revuo "Bazaro", Rumanio, jaro VIII, n-ro 3 (30)*



# INTERVJUO KUN KREŠIMIR BARKOVIĆ, ĜENERALA SEKRETARIO DE SAT




***Kiel vi konatiĝis kun tiu verko?***
Kroata eldono de *7000 tagoj* aperis en la sepdekaj jaroj kaj okazigis grandan bruon kaj intereson de la publiko. Estis la unua fojo kiam oni klare kaj publike denuncas la krimojn de Stalin en tiama Jugoslavio. Cetere, ĉiuj eldonejoj rifuzis eldoni ĝin pro timo kaj fine nur la eldonejo *Globus*, kiu estis antaŭ bankroto, akceptis eldoni ĝin. En unu jaro la tuta eldonkvanto estis vendita kaj tio savis la eldonejon.
En la jaro 1972 tiu verko ricevis literaturan premion de la taĝurnalo *Vjesnik* kaj tuj aperis la dua eldono. Pro scivolemo mi aĉetis kaj legis ĝin.

***Kial vi decidis traduki ĝin?***
En la jaro 1945 (kiam mi estis unujara), mia patro kiel regula kroata soldato estis militkaptita kaj kun centmiloj da aliaj militkaptitoj transportita al la direkto de Oriento. Mi demandis min ĉu li ne troviĝas ie en Siberio, kiu estis la celo de multaj el tiaj kazoj. Ja, la serĉado de mia patro kiun entreprenis mia patrino estis tute vana.
Krome mi estis persvadita ke tiu enhavo nepre devas esti legata kaj diskonigata en la tuta mondo. Do mi decidis esperantigi ĝin kaj pro tio mi tuj kontaktis kun Karlo Ŝtajner por peti la tradukpermeson. Mi esperis eventuale iom ekscii pri mia patro, sed inter la milionoj da kondamnitoj en Siberio estus vera hazardo ke Ŝtajner renkontus kaj konus lin.

***Kial ĝuste SAT eldonis ĝin?***
Post la fintraduko de la libro kaj lingva kontrolo de pluraj konataj esperantistoj (Jean Thierry, Ivo Lapenna), mi serĉis eldoniston.
SAT pro malbona financa situacio ne povis tion fari. Unue mi havis akcepton de finna eldonejo sed post kelka tempo alvenis mallonga letero kun jena teksto: "Ni tre bedaŭras ne povi eldoni vian tradukajon, ĉar temas pri nia Orienta najbaro kaj tio povus endanĝerigi nian agadon". Iun belan tatgon, la bona sorto gvidis al la SAT-ejo Lina Gabrielli, al kiu mi rakontis pri la eldonprobmelo. Ŝi esprimis pretecon eldoni ĝin kaj financi la eldonon kondiĉe ke ĝi ne aperu sub ŝia nomo sed sub la nomo de SAT. La PK akceptis tiun proponon kaj la libro aperis sub la nomo de SAT.

***Kiel la libro estis akcpetita en Sovetunio?***
Tiu libro estis malpermesita en Sovetunio kaj en ĝiaj satelitoj. Nun, post la falo de la Berlina muro kaj la disfalo de Sovetunio, estis malfermitaj arkivoj de KGB. Mia rusa kamarado, kiu faris esplorojn en tiuj arkivoj, informis min ke mia nomo troviĝas en la sliparo de KGB kiel malamika persono, pro tiu traduko de la libro de Ŝtajner.

***Kaj en Jugoslavio?***
En Jugoslavio (ĉar ĝi aperis kun la permeso de Tito), ĝi havis grandegan sukceson kaj kiel mi jam diris, ĝi ricevis literaturan premion. Aperis pluraj eldonoj en Kroatio sed ankaŭ en aliaj lingvoj (angla, franca, germana, ktp.). Ĵus aperis ĉina eldono (lanĉita dum la UK en Pekino), farita laŭ la esperanta traduko kaj la japana eldono estas en preparo.

***Kiel okazis via renkontiĝo kun Ŝtajner?***
Ŝtajner estis tre afabla kaj agrabla persono. Li kaj lia edzino Sonja akceptis min en sia Zagrreba hejmo. La unua surprizo por mi estis, ke sur la muro de lia laborĉambro estis la bildoj de Marx, Engels, Lenin kaj Tito. Mi tute klare demandis lin, kial li ankoraŭ havas tiujn fotojn, malgraŭ la 20-jara sufero en Siberiaj koncentrejoj. Kun rido li klarigis al mi ke tio, kio estas en Sovetunio havas nenian rilaton kun komunismo. Ke ĝi estas perfido de komunismaj ideoj. Li nomis tion "ruĝa faŝismo". Pro tio li restis daŭre komunisto kun siaj idealoj pri pli justa kaj pli egaleca mondo. Post sia reveno el Siberio, li vizitis plurajn kapitalistajn landojn kaj konstatis ke tiuj liaj idealoj estas daŭre valoraj kaj necesaj. Ŝtajner diris al mi ke lia celo kaj lia promeso al la samsortaj kamaradoj estas ĉie diskonigi la veron pri Stalin kaj stalinismo, por ke tio neniam plu ripetiĝu. Kun entuziasmo li akceptis ke mi traduku la libron esperante kaj li postulis nenian aŭtorhonorarion. Mi diris al li ke la esperanta merkato estas malgranda sed ke mi certigas al li ke ĝi estos legata de esperantistoj sur ĉiuj kontinentoj. Por li tio estis la plej grava kaj ĉefa celo.

***Dektri jarojn post la disfalo de Sovetunio, kial tiu libro plu estas legenda por la novaj generacioj? Ĉu la entenata mesaĝo daŭre havas sencon en la nuna epoko?***
Legi ĝin estas tre grava por ĉiuj. Unue, tio estas bela ekzemplo kiel oni povas la plej belajn idealojn misuzi kaj perfidi, transformi en diktatorecon pro la simpla potenc- kaj povavido. Same kiel oni devas neniam forgesi la krimojn de Hitler kaj naziismo, holokaŭston kaj ekstermadon de diversaj etnoj kaj popoloj, ankaŭ oni ne devas forgesi tiujn krimegojn de Stalin, kiu nomis sin komunisto kaj ekstermis same milionojn da senkulpaj homoj. Ja, ankoraŭ ekzistas similaj reĝimoj sin nomantaj komunistaj, kiuj tre similas al tiu de Stalin (kiuj cetere ankoraŭ hodiaŭ adoras kaj honorigas lin!!!), kaj pri kiuj ni eble iam en estonto legos similajn librojn. Kiam Ŝtajner revenis post 20-jara vivo en Gulago, multaj el liaj komunistaj kamaradoj, aŭ rifuzis kontakton kun li, aŭ akuzis lin pri la perfido de komunismo kaj socialista idealo. Laŭ ili, tio estis "eraroj" de Stalin, sed tio devis resti interne de la komunista movado.
Vane li provis komprenigi al ili ke tio havas nenion komunan kun komunismo kaj socialismo. Eĉ hodiaŭ, pluraj sinceraj komunistoj simple fermas la okulojn antaŭ la faktoj kaj eĉ ne volas legi, informiĝi aŭ paroli pri tio. Do, jes, tiu libro kaj ĝia mesaĝo daŭre havas sencon en la nuna epoko. Per la eldono kaj distribuado de tiu libro SAT kiel kultura, eduka asocio, plenumas unu el la ĉefaj punktoj de nia Statuto kio estas "helpadi al la kreado de racie pensantaj spiritoj, kapablaj bone kompari, ĝuste kompreni kaj prijuĝi ideojn, tezojn, tendencojn kaj sekve elekti memstare la vojon kiun ili opinias plej rekta kaj plej irebla, kaj batali kontraŭ la dogmiĝo de instruoj, kiujn ili ricevas en siaj apartaj medioj". Jen do, kial estas bone ke ĉiu esperantisto legu ĝin.

*Intervjuis: Vinko Markov*
*("La Sago" - SAT-Amikara gazeto)*

# NI INSTRUAS EN 2004

## Kursoj en elementaj lernejoj

1. Elementa lernejo Retkovec / Osnovna škola Retkovec - Zagreb
   Instruas prof. Judita Rey Hudeček

2. Elementa lernejo Mladost /Osnovna škola Mladost - Zagreb
   Instruas prof. Marija Jerković

## Kursoj en gimnazioj

1. Gimnazija Nova Gradiška
   Instruas prof. Danijela Drakula

2. Gimnazija Varaždin (Kurso preparata)
   Instruos prof. Siniša Horvat

## Kursoj en kluboj

1. Esperanto-Societo Rijeka
   Instruas prof. Josipa Katunar

2. Studenta Esperanto-Klubo, Zagreb
   Instruas Sonja Kovač

3. Esperanto-Klubo Bude Borjan, Zagreb
   Instruas Gordana Jurina

4. Unuiĝo de nevidantaj esperantistoj, Zagreb
   Instruas Nevenka Imbert

5. Kroata Fervojista Esperanto-Asocio
   Instruas: Roža Brletić-Višnjić

## VOLONTULO SERĈATA

**Kroata esperanto-Ligo serĉas volontulon kiu helpus pri administraj kaj bibliotekaj laboroj dum kelkaj horoj semajne. Detaloj ĉe KEL!**




## ZAGREBA LERNOLIBRO EN LA RUMANA

Rumana eldonejo Grinta publikigis en 2004 progresigan kurson de Zagreba metodo en la rumana. La lernolibron de pluraj autoroj (Jim Cushing, Spomenka Štimec, Nikola Rašić kaj Zlatko Tišljar) adaptis por rumanoj Ionel Oneţ. La lernolibro retenis sur la titolpaĝo la konatan foton por la Zagreba Metodo de Ivan Špoljarec. La lernolibro prezentas kompletigon post la baza kurso en la rumana, kiun eldonis la sama eldonejo en 2003. Ĝi estas uzata post lernilo *Esperanto ne estas nur lingvo* de S. Štimec. La lernilo havas 42 paĝojn kaj ties vortaro estas riĉigita aldone per rumanaj spoecifaĵoj kiel ekz. geografiaj nomoj en Rumanio. Fine de la lernilo troveblas la aktuala aliĝilo por Universala Kongreso de Esperanto en Vilnius. La ISBN numero de la lernilo estas 973 -7924-49-5. La prezo ĉe UEA estas 3 eŭrojn.

*S. Štimec*

# NOBELPREMIO PRI LITERATURO 2004 AL AŬSTRA VERKISTINO E. JELINEK!

En la jaro 2003 la Nobelpremio pri literaturo venis al Mezeŭropo, al Hungario, al al hungara verkisto Imre Kertesz.

En la jaro 2004 la Nobelpremio pri literaturo denove estis atribuita al mezeŭropa verkisto, ĉi-foje al aŭstra verkistino Elfriede Jelinek.

István Ertl tuj esperantigis la verkon de Kertesz kaj eldonis, eĉ per la helpo de Nagy Lin, ĉina loĝanto de Budapeŝto, la romanon *Sensorteco.*

Ĉu la aŭstraj kolegoj publikigos en Esperanto ion de Elfriede Jelinek?

Elkorajn gratulojn al Elfriede Jelinek! Ŝi verkas kontraŭ la fluo de aŭstra tradicio.





## AŬSTRA ŜTATPREZIDENTO – FILO DE ENTUZIASMAJ ESPERANTISTOJ

D-ro Heinz Fischer, socialdemokrato, kiu estas la nova aŭstra ŝtatprezidento, estis alta protektanto de la Viena Kongreso en 1992. Tiam li deklaris ke li ĉiam admiris la ideon de Esperanto, jam eksciiĝinte pri ĝi kiel infano, ĉar liaj gepatroj estis entuziasmaj esperantistoj. Li mem ne lernis la lingvon.

Esperantistoj en la regiono de Mezeŭropo certe kun agrabla sento legos la ĉi-suprajn liniojn.

(Laŭ *Esperanto-Revuo*)

## REVUO FREMDAJ LINGVOJ 32 (2004)

D-ro Velimir Piškorec, vicestro de la katedro pri la germana lingvo en Filozofia Fakultato en Zagrebo, publikigis en revuo *Fremdaj lingvoj* fakan artikolon pri la Universala Kongreso de Esperanto en Gotenburgo 2003. Sub la titolo *Esperantistoj pri lingvaj rajtoj kaj respondecoj* li sur 6 paĝoj en la kroata traktas la Gotenburgan Kongreson kun la aparta konsidero de la kongresa temo gvidita de Humphrey Tonkin. Aparta ĉapitro traktas la prelegon de Charles Durand *Esperantistoj kaj asocioj defendantaj naciajn lingvojn: la natura simbiozo.*

La faka artikolo de D-ro Piškorec finiĝas per kompleta kroatlingva traduko de la Kongresa rezolucio de la Gotenburga UK.

## VIVO DE LA ARTO

*Vivo de la arto* estas la titolo de la magazino por nuntempaj plastikaj artoj, eldonata de Insitituto por arthistorio en Zagrebo. La volumo 71-72 de la jaro 2004 enhavas artikolon de D-ro Mladenka Šolman pri la statuo *La Futuro*, kiun Kroata Esperanto-Ligo, dank' al la malavara donaco de dana skulptisto Jesper Neergaard kaj la financa helpo de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio kaj Urbo Zagrebo starigis en la jaro 2001 sur Kennedy-placo en Zagrebo.

La dulingva, kroata kaj angla artikolo kun pluraj fotoj havas la titolon *La skulptaĵo de Jesper Neergaard – strukturoj kaj singifoj.* La faka artikolo akcentas altajn artismajn valorojn de la verko *La Futuro.* La laboro de Kroata Esperanto-Ligo en la kampo kulturo ligiĝas en la volumo de la revuo kun la aliaj signifaj kontribuoj en plastika arto en Kroatio, kio konsiderinde kontribuas al la prestiĝo de la asocio.

# NI AKTIVAS

**KARLOVAC kaj VOJNIĆ • Prelegoj pri Esperanto kaj multlingveco -** Junulara Biblioteko en Karlovac turnis sin al Kroata Esperanto-Ligo kaj mendis por siaj membroj eŭropan temon okaze de la eŭropa tago de la gepatraj lingvoj. Pri Esperanto kaj eŭropa multlingveco prelegis Spomenka Štimec, la 1-an de oktobro 2004. La prelego estis ripetita en Biblioteko de elementa lernejo en Vojnić la 18an de oktobro.

**ZAGREBO •** *Interkulturismo kaj junularo* estas la temo de prelegserio kiun organizas Centro por kulturo kaj edukado Zagreb. La 6an de novembro en la prelegserio gastis esperantistoj por prezenti Esperanton kaj kulturismon. Spomenka Štimec lekciis pri historio de Esperanto. Gimnaziano David Rey Hudeček instruis la unuan lecionon pri Esperanto. Studento pri biologio Dag Treer prezentis manierojn kiel apliki Esperanton en junulara medio.



*La organizantoj de MKR en la loko kie okazis la aranĝo.*

## La 15a Montkabana Renkontiĝo en Pliskavica

Pliskavica estas la nomo de la vilaĝo en Suda Slovenio proksime de la urbeto Sežana kiu inter la 23a kaj la 26a de septembro 2004 gastigis la jubilean 15an Montkabanan Renkontiĝon. Vanja Radovanović, Mea Bombaredelli kaj Milivoj Uroić rajtas fieri pri la aranĝo kiun ili „heredis" de aŭstraj esperantistoj kaj flegis ĝis la 15-a jubileo. En MKR, kiu unue hejmis en Aŭstrio kaj en la lastaj jaroj alternas inter Kroatio kaj Slovenio, partoprenis homoj el dudeko da landoj: ĝi kunligas generaciojn de naturamantojn kiuj hejmas en Mezeŭropo kaj en Esperantujo, kaj kiuj ŝatas montgrimpi kaj amikiĝi per Esperanto.

Okaze de la jubilea evento Mea, Vanja kaj Milivoj organizis panelan ekspozicion kiu revuas la pasintajn momentojn de la jardeko kaj duono. Post Pliskavica la informriĉa ekspozicio gastas en la ejoj de Kroata Esperanto-Ligo en Kneza Mislava 11.

## ZAGREBA ZEO

ZEO estas vorto kiu indikas objekton rilatantan al Zamenhof aŭ Esperanto.

Ni prezentas la nesufiĉe konatan zagreban ZEO-n, kiu troviĝas sur la fasado de la domo en Tomislav-Placo N-ro 21. Per ĝi Zagreba Esperanto-Ligo en 1989 omaĝis al la redakcio de la unua Esperanta gazeto en Kroatio. La tabulo kun la kroata teksto informas ke ĝuste en tiu domo la 10an de aprilo 1909 aperis gazeto *Kroata Esperantisto* redaktata de Danica Bedeković. La tabulon, kies dimensioj estas 60 x 33 cm, fotis Tvrtko Klarić en oktobro 2004.




*La tabulo kaj la domo sur kiu ĝi staras.*



## La Zagreba Universala Kongreso en Japanio

Kadre de la 91a Japana Esperanto-Kongreso kiu okazis en Unuyama de la de la 22a ĝis la 24a de oktobro 2004 estis prezentita ekspozicio kiu celis doni priesperantajn informojn al la urbanoj de Unuyama. Inter la fotoj estis prezentitaj ankau kelkaj scenoj de la zagreba Universala Kongreso.

**MARIBOR** • Zlatko Tišljar estis elektita sekretario de Eŭropa Esperantista Unuiĝo dum la Eŭropa Kongreso en Bilbao lastaŭguste. Tie estis ankaŭ akceptita la nova statuto de la organizo. La sidejo de la organizo estas en Bruselo. La venonta kongreso de EEU okazos en la jaro 2007 en Maribor en la najbara ŝtato Slovenio. Jen la okazo ke kroataj esperantistoj planu abundan partoprenon. KEL havas statuson de observanto en EEU.




## Ĉefdelegito informas

Ĉefdelegito de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO por Kroatio
Josip Pleadin, Bana Jelačića 138A, 48350 Đurđevac
Telefono/Faksilo: 048/811-266, Poŝtelefono: 098/248-574
Retadreso: grafokom@kc.htnet.hr

## KOTIZOJ EN 2005

**MG** - Membro kun Gvidlibro **31,20 kn**

**MJ(T)** - Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis inkluzive 29 jaroj, membro de TEJO) kun la revuo "Kontakto" sen plia abonpago) **86,00 kn**

**MA(T)** - Membro-Abonanto: kiel MJ(T) plus la revuo "Esperanto" **218,40 kn**

**DM(T)** - Dumviva Membro, pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MA **5.460,00 kn**

**DMJ(T)** - Dumviva membro kun Jarlibro; pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MJ; ricevas la Jarlibron kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon "Kontakto" **2.150,00 kn**

**SA** - Simpla Abono al revuo "Esperanto", sen membreco en UEA. **132,60 kn**

**Kto** - Abono al revuo "Kontakto", sen membreco en UEA/TEJO **78,00 kn**

**SZ** - Kotizo por Societo Zamenhof, mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo, ne inkluzivas membrecon en UEA) **436,80 kn**

**PT** - Patrono de TEJO; pagas 3-oble la kotizon de MJ(T) por subteni TEJO, ne inkluzivas membrecon; ricevas la revuon "Kontakto" kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO. **258,00 kn**

**Kvankam la kotizojn oni povas pagi kiam ajn dum la jaro, frua pago de kotizoj faciligas laboron de la administracio de UEA kaj la Ĉefdelegito kaj plenumon de la petitaj servoj. Se vi intencas esti membro de UEA, aŭ mendi ian servon, plej oportune estas pagi dum decembro, januaro aŭ februaro.**

**90-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO** okazos de la 23-a ĝis la 30-a de julio 2005. en Vilnius, Litovio. Tiuj, kiuj intencas aliĝi, konsideru ke la unua (la plej favora) aliĝperiodo finiĝas la 31-an de decembro. La aliĝkotizoj en tiu periodo estas: 897,00 kn en kategorio Individua membro de UEA, 1.092,00 kn en kategorio neindividua membro de UEA, 468,00 kn en kategorio Komitatano/kunulo/junulo/handikapulo individua membro de UEA kaj 663,00 kn en kategorio kunulo/junulo/handikapulo ne individua membro de UEA. Gejunuloj kiuj naskiĝis post 84 12 31 kaj nemalhaveblaj akompanantoj de handikapuloj aliĝas senpage. Pri ĉiuj aliaj detaloj informiĝu ĉe la Ĉefdelegito, ĉe kiu vi povas ricevi ankaŭ aliĝilojn. Laŭ nekonfirmitaj informoj, kroatoj denove preparas buskaravanon al UK. Interesitoj informiĝu ĉe Faruk Islamović, 098/160 2805.

